Año II (N.° 24)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 12

DICIEMBRE 1950

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA · H E F



# LAZARO LUDOVIKO ZAMENHOF

## AUTOR DEL ESPERANTO

**El mundo esperantista, en constante progresión numérica, y en creciente crédito cultural ante quienes pueden enjuiciar su contenido doctrinal, celebra cada año, con la mayor solemnidad posible, la fecha del 15 de Diciembre, que este año señala el 91° aniversario del nacimiento del Dr. Zamenhof, muy competente médico oculista y genial creador del idioma Esperanto.**

**Al señalar esta fecha, grata entre todas las fechas, para los que pertenecemos al mundo esperantista, fuera ocioso intentar siquiera la reseña biográfica del hombre que hizo posible la maravillosa realidad del idioma universal, por cuanto es sobradamente conocida de los esperantistas, y para los profanos resultaría extremadamente corta.**

**Tan solo deseamos hacer resaltar ante el lector, experto esperantista o simplemente curioso aficionado a estos estudios, que la figura del Dr. Zamenhof, respetada y estimada por los más eminentes filólogos, sobresale cada vez más entre los grandes filántropos, y seguramente será venerada por las generaciones futuras como un sociólogo sin par. En efecto, ninguna gran reforma social podrá ser llevada a cabo, en el futuro, sin contar con la adopción imprescindible del idioma auxiliar que él inventó. Ningún gran concierto internacional podrá efectuarse sin el concurso de ese nexo precioso, sin el cual resultan ridículas todas las combinaciones que pretendan lograr una comprensión moral sin una comprensión idiomática. La gran figura que se extinguió hace treinta y tres años en Varsovia, aparece cada vez más gigantesca en su inmensa bondad, en su inagotable espíritu de sacrificio, en su profunda tolerancia para las ajenas estridencias, y en su inagotable fé en un gran resurgir moral de la humanidad. Fué, en resumen, un gran hombre, sin tacha alguna...**

**Por todos esos conceptos, los esperantistas nos sentimos orgullosos de luchar por sus ideales, y ante su efigie cobramos nuevos ardores para no cejar en nuestros afanes, porque solo intentando imitarle nos haremos dignos de él y de llamarnos, con orgullo, sus leales seguidores.**

# ESTU PLENE FELIĈA LA KRISTNASKO

KAJ

# PROSPERA LA NOVA JARO 1951

# POR LA HISTORIO DE LA ESPERANTAJ VORTOJ

## III - La hispanismo KANARIO

Nia kulturo ŝuldas la belan kanarion kaj ĝian nomon al la hispanoj.

La antikvaj romanoj jam konis la Kanariajn Insulojn sub la nomo «Insuloj Fortunataj», ĉar ili ĝuis la fortunon de milda klimato senpara; la araboj ankaŭ konis ilin de 1016 per la nomo «Kaladat»; la hispano Betankuro konkeris ilin en 1402, fariĝinte tiea reĝo, kaj alnomis ilin Insuloj Kanariaj; ĉar por li tio estis karakteriza lando kun rimarkebla aro da hundoj, kiujn hispane kaj latine oni diras «can»(elp.kan). Sed neniu el ili atentis pri la fringilidaj, sovaĝaj, arbaremaj, kantemaj kaj brilkoloraj birdetoj, kiu abunde sonorigis ĝoje la insulojn. Petro Algaba akiris la insulojn por la hispanaj Katolikaj Gereĝoj en 1480, kaj li atente kaj kurioze rigardis, aŭdis kaj admiris la birdojn. Li kaptis zorge kelkajn kaj sendis ilin al la gereĝoj; poste, li sendis aliajn al potenculoj, al familianoj kaj al amikoj. Hispanio estis ravita per la mirinda vigleco kaj harmonia bleketo de la kanarioj; tiel oni nomis ilin ĉar, kiel tieaj indiĝenoj, ili estis loĝantoj de la insuloj, sed neniel rilatigante tiun nomon kun la hundoj. Baldaŭ oni petis kanariojn de aliaj landoj, sed dum jarcento la monopolo pri ili estis hispana; kaj nome, per la hispanismo ili estis konataj ĉie. Meze de la 16ª jc. la saĝulo Konrado Gesnerena parolis pri ili en sia verko «De avium natura», kiel «Kanario avikula». Poste, dum 1600, Aldrovandio en sia «Ornitologio», priskribas kaj desegnas ilin. Dume, en tiu 16ª jc. ŝipo hispana proksime de Liorno marfundiĝis katastrofe, kaj la multaj kanarioj, tie enŝipigitaj, forflugis ĝis la Insulo Elba, kie la italoj trafe ĉasis ilin, konservis ilin en kaĝoj, kaj dresis ilin, por disvendado tra la tuta Eŭropo. La italoj nomis ilin **canario** kaj **canarino;** la angloj **canary;** la germanoj **Kanarien-vogel;** la francoj **canari;** la poloj **kanarek;** la rusoj **kanarenka;** portugaloj brazilanoj kaj ĉiuj hispanparolanta Ameriko **canario.** Por Lineo ĝi estis nova speco de pepema birdo: **Driospizo kanaria,** poste alnomata science **Serino kanaria.** la hispanismo do fariĝis tiel tutmonde internacia. Botanikisto, kiu priskribas vegetaĵojn, nomis unu specon gramenaca **Falaro kanaria.** ĉar ties semeto plaĉis multe al la kanarioj, helpante tiel la internaciiĝon de la nomo; ni aŭdas ankaŭ, **kanari - semo, kanari - koloro.** kc. Fine, Zamenhof, kiu sendube iam havis ĉe sia fenestro trileman, gajan kanarion, enkondukis la hispanismon en la listojn de sia Esperanta Vortaro.

**AZOR**

# PRI RESPONDECO DE ESPERANTO-ELDONISTOJ

Permesu al mi kelkajn liniojn responde al letero de s-ro Goldsmith, presita en «Boletín» dum julio 1950.

S-ro G. diras, ke la ekonomio neniel permesas eldoni klasikaĵojn. Aliflanke li konsentas, ke **mi kaj multaj aliaj volas vidi** klasikaĵojn en Esperanto. Se li pravas en sia lasta rimarko, la unua jam ne validas, kvankam verdire liaj vend-ciferoj estas timigaj. Eble s-ro G. pravas, ke la publiko preferas popularajn romanojn. Komprenebla neniu volas kontraŭi, ke tia eldonado okazos. Sed same komprenebla estas, ke serioza literaturemulo havas devon laŭtigi proteston, se la eldonejoj **nur** eldonas facilaĵojn bonmaĉitajn kaj eĉ tradigestitajn. Certe ankaŭ en aliaj landoj ol Danio, oni havas spertoj pri eldono de facilvendeblaj senvaloraĵoj. Ŝajne neniam mankas mono nek papero por diletantoj.

Sed la eldonejoj de nia movado devas havi pli altan celon ol havas spicvendejo. Ili ne cedu certan nivelon, eĉ se la «publiko» postulas. Ankaŭ infanoj preferas bombonojn kaj dolĉaĵojn, sed ĉu saĝaj gepatroj lasas plene al ili la elekton? Same oni ja ofte diris, ke la «publiko» mem volas la banalajn tro romantikajn filmojn aŭ la koloritajn distro-kajerojn; sed kiu estas tiu publiko? Kiu misedukas ĝin? Ĝuste tiuj malantaŭ la stultiga industrio de banalaĵoj, do senfina ĉeno.

Oni do ne snobu al t. n. «preferoj». Eble oni per tio gajnas kapitalon, sed kial gajni, se nur estas por eldono de novaj «preferaĵoj? Ni estu seriozaj, kaj ni sentu respondecon per nia lingvo kunhelpi eduki, klerigi, kulturi la Esperanto-publikon konstante al pli altaj ŝtupoj.

Sub ĉi tiuj premisoj, mi eĉ preferas esti naiva simplulo ol sperta, tro aferema, stokolikvidisto.

**POUL THORSEN - Kopenhago Dan'ando)**

# JEN, KIEL STATAS NUN ESPERANTO EN HISPANIO

La jaro, kiu baldaŭ finiĝos, donis al nia landa movado fortan puŝon antaŭen. Ĉie en Hispanio, precipe en la jam konataj esperantistaj centroj, disvolviĝas vigla agado, kiu serioze kaj profite efikas por doni brilon al nia afero.

En Madrido, la diligenta agado de nia fervora samideano López Herrero, kun aliaj aktivaj kunhelpantoj, sukcesis starigi rondeton kaj aranĝi kurson, kies fruktoj jam maturiĝas, kiel promesplena garantio por la movado en la ŝtata ĉefurbo.

En Zaragozo firme staras per fortaj piedoj la Esperantista Grupo «Frateco», sola en tuta Hispanio, kiu ne ĉesis funkcii dum pli ol tridek jaroj; nuntempe estas gvidataj du kursoj, unu por komencantoj kaj alia por progresantoj.

En Barcelono, iama bastiono de la esperantismo, ankaŭ komencas burĝoni nia lingvo ĉe la malnovaj branĉoj. Kelkaj kursoj funkcias jam, kiuj plene restarigos la pasintajn glorojn. En ceteraj lokoj de Katalunio, la progreso ĝis nun atingita estas treege kontentiga. Pri Tarrasa oni ne bezonas multe enfazi, pro la graveco de la tiea laboro. kiu liveras jam nun tre bonan rikolton. La persistaj klopodoj de la veterana pioniro, S-ro Chaler, donis al la urba membraro sufiĉan elstaron por ke nia nacia Federacio elektu senhezite tiun urbon por la unua hispana postmilita Esperanto-Kongreso. En la nordo, Santander kaj Bilbao lerte kaj trafe ekmoviĝas kaj partoprenas oportune en la ĝenerala koncerto. En Andaluzio, kun Seviljo ĉefronte, diversaj amikoj semas konstante la karajn ideojn de nia idealo. Eĉ en la malproksimaj Kanariaj Insuloj, elektita rondeto da kompentuloj, inter kiuj sufiĉas mencii la nomon de S-ro Regulo Pérez, laboras kaj montras la utilon de Esperanto eĉ en universitataj medioj. Tra la Valencia regiono, en kies ĉefurbo daŭre nun zumas la motoro de la tutlanda organizo, oni povas mencii la nomojn de Castellón kaj Callosa de Segura; sed tute specialan rimarkon meritas la movado en Cheste, kiu estas ĉe ni rajte konata kiel «Meko de la Esperantismo». Nun ĝi brilas denove per sia malnova famo. Post memorinda malfermo de adekvata kampanjo, en la ĉefa teatro de la urbeto, kiun ŝtopis entuziasma ĉeestantaro, nia samideano Máñez, tiel meritoplene konata, kun la helpo de S-oj Martínez, Ruiz kaj plia deko da kapablaj gvidantoj, instruas kurson post kurso, bakante centojn da aktivaj junuloj kaj belaj -belegaj!- junulinoj, kiuj estas apud malnovaj pioniroj hela promeso de triumfonta generacio.

En Valencio mem, kun pli ol cent membroj, kie jus fondiĝis la urba grupo, daŭre funkcias la kursoj, oni ofte organizas ekskursojn aŭ vizitojn kaj oni akceptas plezure kaj gastame eksterlandajn gesamideanojn. Oni subluis belan ejon por instruo kaj prelegado; kaj, fine, kelkaj sindonemaj amikoj oferas sian tutan liberan -kaj eĉ ne liberan- tempon por kiel eble plej bone flegi la daŭran aperon de BOLETIN (bulteno) la gaja informilo ,kiu ligas nin ĉiujn kun la cetera mondo, interne aŭ ekstere de Hispanio; la paĝoj de nia revueto montras, per abunda interesa kunlaboro, la simpatian akcepton, kiun ĝi ricevas ĉie, pri kio povas petoleme paroli la mistera koboldeto, kiu. saltetante tra la dornoplena arbaro de la vivo, laŭ fluo de la diversaj sezonoj, estas ja kvazaŭ mem la klara neniam laciĝanta voĉo de nia propra entuziasmo je la servo, sen kondiĉoj, de Esperanto en Hispanio. Cetere, dise tra la tuta lando, multaj izoluloj en vilaĝoj kaj urbetoj zorgas, penas kaj klopodas forigi sian izolecon, pro kio ili, anonimaj pacaj batalantoj, meritas ne malpli da laŭdoj sed tiom da danko; kiom ĉiuj aliaj rekte aluditaj en la rapida revuado, kiuj supraĵe ni faris, kiel aronon de pasintaj laboroj kaj heroldon de venontaj atingoj, en rekta vojo al nia alta celo.

## EL ESPERANTO EN LAS AULAS UNIVERSITARIAS

Actualmente se instruye el Esperanto en las Universidades de Innsbruck y Graz, en Austria; de Mainz y Munich, en Alemania; de Liverpool, en Inglaterra; de Krakow y Lódz, en Polonia y de Otani, en Japón: como también en la Universidad Municipal de Amsterdam (Holanda).

# LA VIVANTECO DE ESPERANTO ★

**Sub sama titolo, en "Nederlanda Esperantisto", aperis ampleksa treege interesa kaj vere studinda artikolo de konata D.ro W. Manders. kiun ni represas en kompila formo. pro manko de spaco, por ke niaj legantoj povu iel partopreni en la seriozaj diskutoj pri la plej gravaj kaj aktualaj demandoj de la tutmonda Esperanto-movado**

Vi scias, ke inter la trajtoj, kiuj plej evidente karakterizas la aŭtonomecon de nia lingvo, estas menciindaj precipe la vortoj de la tipo *eta, etulino, idaro, ebla, malebligi, senpera, ina* ktp.

Kiel ni devas el LINGVISTIKA vidpunkto prijuĝi tiujn vortojn?

Por la gramatikistoj ĉi tie tute ne ekzistas ia problemo. Kiom da fojoj ni aŭdis kaj legis, ke ĝuste tiuj vortoj elokvente atestas pri la mirinda vivanteco kaj la granda evolua povo de nia lingvo, kaj kiom da recenzistoj aprobe citas ĝuste tiajn vortojn, sugestante ke ilia ofteco kaj originaleco estas grava kriterio pri lingva perfekteco. Pri unu punkto ne povas ekzisti dubo: la sola fakto ke Esperanto permesas, ke ni laŭbezone apliku ĝiajn elementojn en plej diversaj manieroj jam atestas pri admirindaj kvalitoj de nia lingvo. Multaj lingvistoj kritikis Esperanton pro tio, ke ĝiaj afiksoj povas figuri kiel memstaraj radikoj, sed tiu kritiko estas absolute malprava. En nia lingvo ĉiu elemento estas centprocente efika, kaj kiu riproĉas tion al Esperanto, tiu montras nesufiĉan komprenon pri la esenco de universala planlingvo. Ideala ja estas tiu universala lingvo, kiu per minimumaj rimedoj atingas maksimunan rezultaton. Mi do plene konsentas kun tiuj, kiuj laŭdas la grandan uzeblecon de nia afiksaj, prepoziciaj kaj ceteraj radikoj. Ankaŭ mi ne povas nei, ke Esperanto efektive evoluis en tiu senco, ke oni ĉiam pli ekspluatis la radikan minejon celante krei tute aŭtonomajn Esperantajn vortojn. Sed ĝuste tiu kvazaŭ sistema enkonduko de puraj esperantismoj ŝajnas al mi danĝera, necelkonforma kaj tial kritikinda. Ni prenu ekzemple la vorton *senpera*, kies signifo plej ofte identas kun *rekta*. Kion ni gajnas uzante tiun vorton? Por neesperantisto *senpera* estas nekomprenebla, dum *rekta* li tuj komprenas. Tiu argumento ne estas tre grava, ĉar Esperanto estas lingvo por Esperantistoj, sed tamen ne estas avantaĝo ke al la granda publiko, kaj ankaŭ al niaj kursanoj, la vorto *senpera* efikas tro enigme. Kaj, ĉu la esperantistoj mem pli bone komprenas *senpera* ol *rekta?* La spertuloj inter ni eble tute familiariĝis kun la vorto, sed estas ja fakto ke la granda plimulto ne estas kaj neniam estos sperta, kaj por ili *senpera* restos vorto malfacila, kiun ili mem verŝajne neniam uzos. Kaj, ĉu *ilo* estas efektive pli bona ol *instrumento* aŭ *aparato?* Ĉu *aparigi* aŭ *dividi* ne estas pli klara ol *disigi?* En Plena Vortaro mi eĉ trovis *ekigi* por *komenci* kaj *oneco* por *proporcieco.* Ju pli ni enkondukos tiajn enigmaĵojn, des malpli alloga kaj taŭga fariĝos Esperanto por la granda publiko. Kompreneble, ni ne povas tute forĵeti tiujn vortojn. Multaj eĉ estas nepre necesaj: *ebla, ebligi, malebligi* ne estas anstataŭigeblaj, se ni almenaŭ ne volas enkonduki neologismojn. Sed, ĉu vi ankoraŭ memoras kiom da malfacilaĵoj kaŭzis al vi tiuj vortoj kiam vi estis komencanto? Kial do enkonduki novajn komplikaĵojn, kiuj absolute ne riĉigas nian lingvon? La vera riĉo de planlingvo konsistas ne en baroka kaj rokoka form-abundeco, sed kontraŭe en ekonomia sobreco kaj celkonforma simpleco. Estas rekta peko kontraŭ la celo de universala lingvo, se oni INTENCE serĉas nekutiman esprimon kaj evitas vorton al ĉiu konatan.

Ni devas esti dankaj pro la granda fleksebleco de Esperanto, sed se ni kultas la kaŝitajn eblojn de la zamenhofa sistemo, ni kreas abisman distancon inter la lingvo de la malmultaj spertuloj kaj la lingvo de la granda amaso. Prave Zamenhof akceptis ĉiujn internaciajn vortojn, kiel bazon por la lingvo internacia; kaj malpravas la esperantistoj, kiuj preferas lude ĵongli per esperantismoj kaj kiuj tiel kompromitas la internaciecon de nia lingvo.

Eble vi protestos argumentante, ke Esperanto estas vivanta lingvo, ke la tendenco, kiun mi kritikis rezultas el la natura evoluo de nia lingvo, kaj ke ne eblas haltigi aŭ ŝanĝi tiun naturan evoluon. Estas do oportune elekti, kiel postan temon, la demandon pri la VIVANTECO de Esperanto.

Lingvo estas nek homo, nek besto, nek vegetaĵo. Ĝi tute ne havas memstaran ekziston. Kie ne estas homoj, tie ankaŭ ne estas lingvo, kaj se ĉiuj esperantistoj ĉesus uzi Esperanton, nia lingvo aŭtomate ĉesus

ekzisti. Vivas ne la lingvo, sole la homoj, kiuj uzas la lingvon.

Sed kvankam la esprimo «vivanta lingvo» biologie ne estas defendebla, ĝi tamen estas trafa figura esprimo. Lingvoj ja konstante evoluas; same kiel la biologia vivo manifestiĝas en la natura sinsekvo de naskiĝo, kresko kaj morto, tiel same naskiĝas, kreskas kaj mortas lingvoj, kaj ne nur lingvoj, sed ankaŭ vortoj kaj formoj. Sed la lingva vivo estas ĉiam plene dependa de la lingvanoj, kaj nenia evoluo fontas el la lingvo mem. La lingvo ja estas homa funkcio, kaj la homo estas ne nur parto de kolektivaĵo sed ankaŭ memstara individuo kun propra karaktero kaj propra humoro. Ĉar la lingvo estas interhoma komunikilo, ĝi nepre bezonas komunan bazon, sed tamen ĉiu el ni produktas lingvaĵon, kiu karakterizas lian propran memon, lian medion kaj eĉ lian momentan humoron.

Por ni ĉiuj, la gepatra lingvo estas vivanta lingvo, ne ĉar ni perfekte majstras ĝiajn oficialajn regulojn, sed ĉar ni manipulas ĝin konforme al nia propra individueco.

Ĉu ankaŭ nia kolektiva lingvo vivas kaj evoluas? Estas fakto nekontestebla, ke la gramatiko en la daŭro de sesdek jaroj rimarkinde dikiĝis kaj ke nia Plena Vortaro ampleksas multoblon de la Fundamenta Vortaro. Esperanto do certe evoluis, sed estas interese konstati, ke tiu evoluo tute ne okazis same kiel en la naciaj lingvoj. Pri la evoluo de naciaj lingvoj ne decidas gramatikistoj kaj fremduloj, sed ekskluzive la lingvo-uzo de la propra popolo. Kontraŭe, la evoluon de Esperanto difinas ĉiam fremduloj, t. e. homoj, kiuj nur poste, plej ofte post plenkreskiĝo, spertiĝis en Esperanto kaj la evoluo ne rezultas el la lingvo-uzo de la tuta esperantistaro, sed dependas de tre malmultaj tiel nomataj eminentuloj. La «Plena Gramatiko» kiun eldonis «Literatura Mondo» estas verko de impona formato. Ĉu tiu gramatiko spegulas la efektivan evoluon de nia lingvo? Se konsideron meritas nur la lingvo de literaturistoj, gramatikistoj kaj redaktoroj, tiam oni eble povus aserti, ke ĝi havigas se ne fidelan, almenaŭ proksimuman bildon pri la nuna lingvo-uzo.

Se veraj esperantistoj estus nur tiuj, kiuj kapablas esprimi sin konforme al la enhavo de Plena Vortaro kaj Plena Gramatiko tiam ni agus saĝe, se ni rezignus pri nia idealo kaj konfesus la absolutan fiaskon de la zamenhofa lingvo. Esperanto nomiĝas facila lingvo, sed kvankam mi jam dudek jarojn intense okupas min pri ĝi, min ankoraŭ embarasas multaj subtilaĵoj en la gramatika kaj beletristika literaturo. La profesiaj Esperantistoj tute forgesis, ke Esperanto estas fremda lingvo por ĉiuj. Ili plene fordonis sin al nia lingvo. Ilin ravis la subtilaĵoj en la vere vivanta lingvo de Zamenhof, ili ĝuis la virtuozan lingvon de Schwartz, kaj ju pli ili legis, des pli ili proprigis al si la vivantan lingvon de niaj malmultaj eminentaj literaturistoj. Kaj verkante lernolibrojn, ili instruas ne la simplan deksesregulan lingvon de Zamenhof, sed la poluritan kaj rafinitan literaturan lingvon. Ili forgesis kiom da jaroj ili mem konstante okupiĝis pri la lingvo, antaŭ ol ili atingis la perfektecon, kiun ili postulas de aliaj; ili forgesis, ke Esperanto estas ne nacia lingvo, sed internacia komunikilo, kies ĉefa kvalito estu maksimuma simpleco.

Esperanto do vivas, sed ĝi vivas nur por malmultaj profesiaj esperantistoj. Por la granda plimulto Esperanto restis fremda lingvo, kiun ili manipulas pli aŭ malpli facile, sed kiu por ili ne fariĝis vivanta. Tio estas malpli bedaŭrinda ol opinias niaj gramatikistoj. Esperanto funkcias, kaj ĝi kontentige funkcias, ankaŭ por la neperfektuloj; kaj funkciante, ĝi tute plenumas sian taskon. Postuli ke ĉiu esperantisto parolu la lingvon perfekte, tio estas: gramatikiste kaj profesiule, signifas postuli ke oni dediĉu multajn jarojn al malfacila lingvostudo. Sed ni ja propagandas Esperanton, ĝuste ĉar ni volas liberigi la homaron de tiu pena studado. Helplingvo kies aktiva aplikado postulas longan preparan studon ne taŭgas por la bezonoj de la moderna homaro. La zamenhofa lingvo estas facila kaj taŭga, sed la nuntempa normo kiun trudas al ni la gramatikistoj estas falsa kaj ne reprezentas naturan evoluon. La vivanteco de Esperanto estas relativa, sed se tion vi bedaŭras, konsolu vin la prava konvinko, ke vivanteco tute ne estas dezirinda kvalito por planlingvo. Vivi ja signifas moviĝi, sed vivi ankaŭ signifas kaprici kaj konstante varii. La sola tasko de Esperanto estas ebligi internacian komprenon Por tiu tasko, ĝi bezonas ne pulsantan vivantecon, sed ĝuste tiujn kvalitojn, kiuj rekte kontrastas kun vivanteco, nome: maksimuman simplecon kaj daŭran stabilecon.

# XII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

**28 - 29 - 30 de Julio de 1951**
**en TARRASA (Barcelona)**

Se ha constituído el Comité Organizador que, como delegación de la Directiva de la Federación, ha comenzado los trabajos preliminares para el mayor éxito de esta Asamblea nacional del Esperantismo español. Mientras siguen su curso los trámites legales, ofrecemos hoy a nuestros amigos, como anticipo del definitivo, el siguiente:

## PROGRAMA PROVISIONAL

### Día 28 de Julio - Sábado

**A las 11: Recibimiento oficial de todos los Congresistas.**
**A las 11'30: Recepción en el Ayuntamiento y Apertura.**
**A las 12'30; Concierto por la Banda Municipal y Fotografía general.**
**A las 13: Apertura Oficial de la Exposición de Material Esperantista y Vino de Honor.**
**A las 17: Primera Sesión de Trabajo.**
**A las 19'30: Visita a la Escuela Industrial y Museo Soler y Palet.**
**A las 22'30: Velada Musical.**

### Día 29 de Julio - Domingo

**A las 10: Oficio y Misa en las Iglesias Románicas de San Pedro, con sermón en Esperanto y visita al recinto de las mismas.**
**A las 12: Juegos Florales (Concurso Literario y Reparto de Premios).**
**A las 14: Banquete Oficial.**
**A las 16: Concierto.**
**A las 18: Segunda Sesión de Trabajo y, acto seguido, Clausura del Congreso.**
**A las 20: Exámenes de capacidad.**
**A las 22: Sesión Folklórica. (Ballets y Sardanas)**

### Día 30 de Julio - Lunes

**Por la mañana: Visitas a Establecimientos Industriales, al Museo Textil Biosca, y Hogar de Ancianidad.**
**Por la tarde: Excursión en cómodo autocar a Montserrat y regreso por la noche.**

**La cuota de Congresista se fija en principio a 30 pesetas, en la cual irán comprendidos la insignia de Congresista, el Libro del Congreso y el Vino de Honor. Si a esto se añade la casi seguridad de conseguir un 40 % de rebaja en los ferrocarriles y un buen servicio de distintas clases de hospedaje (siempre a base, hasta para el más modesto, de comodidad y limpieza), no hay duda de que serán muy pocos los esperantistas españoles que dejarán de darse cita en la bella ciudad de Tarrasa, para los días 28, 29 y 30 de Julio de 1951.**

**Seguiremos ampliando esta información.**

# INTER LA PROZ

En ĉi tiuj tagoj, kiam gaje tintas multaj sonoriloj, eligante tra la vasta etero dezirojn de konkordo kaj paco, per aeraj kurieroj el vibrantaj ondoj, estiĝis ia mistera interligo, aŭ speco de telepatio, inter norda elfo kaj suda gnometo, kvazaŭ kiso de abio fortika, veninta lulata de vento aroganta ĝis la pino gracia, kiu ŝirmas la murojn de mia hejmeto... Plej gastame, do, en la spaco de mia kutima enkonduko, mi cedas la lokon al la belaj vortoj de mia frateto, kiu jene prikantas kanton al la neĝo: «La kristfesta neĝo estas ofte priskribita neĝo: Ĝi kutimas veni, trankvile kaj solene, en la tago antaŭ la kristfesto. Tiel ankaŭ nun. Unu post unu ili venas, la neĝaj flokoj. Blankaj ili velas tra la aero, malsupren al la tero. Jes, al la tero; Kaj okazas, kiel ofte okazas, ke la blankaj belaj neĝeroj perdas sian blankecon, perdas sian belecon, ĉar ili pereas en malpureco de irejo. La foriĝantaj neĝeroj krias de la tero al mi: ni mortas! Homoj, laŭpaŝantaj la vojon, premas la etajn estaĵojn sub piedoj, sub radoj de automobilo.. Kompreneble, mi vidas kaj pensas ĉi tion, kiam mi staras en mia ĉambro, trarigardante la fenestron. Vespera krepusko plidensiĝas ĉirkaŭ mi, kaj mia cerbo komencas labori. Estas tiel same pri aliaj aferoj, kiel pri eroj de neĝo. En juneco, mi havis multe da ideoj, pensoj kaj planoj. Ili estis malgrandaj, tamen ili ŝajnis al mi belaj kaj blankaj. Ili ankaŭ malsuprenfalis al la grundo kaj pereis en malpureco. Mi malesperis pri mia estonteco. Sed la estonta tempo venis, kaj mi vivas daŭre. Falinta neĝo ne neniiĝis. En printempa tago, suno leviĝis kaj vokis la neĝajn erojn. En formo de vaporo, ili returnis al la loko de sia eliro. Mi ne scias, kio okazas tie en sekreto, sed ree falis neĝaj flokoj, kaj ili restas daŭre sur la tero». Jen estas la vortoj de mia frateto. Ĉu ili ne aspektas kvazaŭ propre miaj? Nu, tiel ili estas presitaj en SVENSKA ESPERANTO TIDNINGEN, la sveda gazeto, kiu pro tio fariĝis hodiaŭ la diademo de mia kroniko, cetere tuj preta raporti pri sekvanta vico de ŝatataj nomoj:

Kelkaj el ili, en amika fasko, venas de Germanio, lando kie okazos la Universala Kongreso en la venonta somero, kaj kiu

nun jam aktive sin preparas por plena sukceso de la solenaĵo. ESPERANTO-POST, konsekvenca kun sia normo, aperas tute regule. Bona papero kaj klara preso faciligas kaj agrabligas la legadon de la enhavo pri kiu oni devas ja mencii la artikolojn «Ĉu artefarita?» «Logiko kaj Lingvouzo» Cetere, originala rubriko de ĉi tiu gazeto estas ĉiumonata kalendaro, pri naskiĝo kaj morto de grandaj Figuroj de la Homaro, en la koncerna monato. Kiel ĝemela frato, ESPERANTO-KURIER, plejparte en germana lingvo, konkurencas en la bona celo disvastigi kaj klarigi la ideon pri nia internacia lingvo inter la germana popolo. En kelkaj rondoj oni opinias, ke la naskiĝo de tiu dua ĝemelo motivigis suspektojn en la hejmo, pro ebla divido de la tuta havaĵo; sed mi demandas: Se la intenco estas honesta kaj la celo defendinda, ĉu ne plej bone abundaj defendantoj? LA PONTO, kiel oficiala organo de la Germana Asocio, raportas detale pri la agado de ĉiuj sekcioj kaj larĝe informas pri lastaj aranĝoj por la Kongreso de Munkeno, al kiu jam aliĝis 280 gesamideanoj el 21 landoj. Post la patro venas la filoj: LA ESTONTO ESPERANTISTA, organo de la Junulara Sekcio, kaj la Bulteno de GEPATRA FAKSEKCIO kun siaj kutimaj artikoloj kaj admonoj al la gepatroj por enkonduki nian lingvon inter la infanaro. SEMISTO kaj LA ĜUSTA VOJO estas landaj avangardaj pioniroj de la katolika esperantismo. En artikoleto pri longdaŭra vivo oni legas: «La daŭra spirita strebado estas grava kondiĉo por plilongigi la vivon. La aserto de kelkaj samideanoj, ke la studado kaj okupado pri Esperanto junigas kaj refreŝigas, tute ne estas utopio». SVISA ESPERO aperas ĉiam kun loga bildo ĉe la kovrilo; ĉi tio kvazaŭ invitas ekskursi al tiu sorĉa lando, kie ŝajne la montoj ne estas egalaj al aliaj montoj, sed karakterize pli ravaj. Tamen, interne de laste ricevita numero troviĝas fotaĵo de la Junulara Kongreso en Konstanz, kie plej rave brilas la ĉarmaj vizaĝoj de multaj kaj multaj junaj samideaninoj. BELGA ESPERANTISTO, sobra kaj sperta veterano, en densa paĝo por enlanda kroniko, prezentas la laboron de la diversaj sekcioj. De Nederlando tute regule venas MATENRUĜO, monata eldono de Esperanta Aŭroro el Haarlem, urbo neforgesebla, kaj LABORISTA ESPERANTISTO, serioza kaj kompetenta organo de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj, organizo, kiu se specife estas laborista, okupas krom tio honoran lokon en la tutmonda Esperanto-movado. De Nederlando al la lando de la britaj geamikoj, la distanco ne tro longas. estu sincere salutata THE WORKER ESPERANTIST ĉiam senlace batanta, per trafa martelo, sur la amboson de la laboristaro. THE BRITISH ESPERANTIST, la valora organo de la Brita Asocio, prezentas elektitan enhavon, kiu estas efika materialo por serioza propagando de nia afero. En angla lingvo aperas serio pri Etimologiaj Studoj, kiuj science analizas la evoluon de nia lingvo. Sub bonhumora titolo «Biografio de Gali-Matio» oni povas legi ŝercan artikolon, en kiu ne mankas la spico de diversaj piketoj. Frontpaĝe montriĝas elĉerpaĵo el parolado de S-ro Mason Stuttard, kiu trafe kaj lerte manipulas interesan temon pri «La Movado kaj la Samideano». Birdeto sufloris al mi, ke en la redakcio de ESPERANTO, la grava revuo esperantista, oni estus tre kontentaj koni mian opinion pri ĝi. Ĉu vere tio? Sincere mi konfesas, ke tiu bonvola deziro de la estimataj kolegoj metas min en embarason, spite al mia kutimo esplori multajn kaj multajn periodaĵojn. Sed... la oficiala organo de U. E. A. estas tre respondeca gazeto, ĉar ĝi reprezentas organizitajn esperantistojn el ĉiuj tendencoj. Spertuloj en la fako scias, kiel malfacile estas fari garbon el malsamaj herboj; sed la klopodoj de ĝiaj redaktoroj preskaŭ jam plene sukcesis, tiel en la formo, kiel en la enhavo de tiu revuo, en kiu oni rimarkas, ĉiufoje pli videble, la sperton de ĝiaj redaktantoj kun la bona intenco, ke ĝi estu ne nur digna oficialaĵo, sed ankaŭ podio de kulturo kaj, super ĉio, pulsanta koro de fervora popolo, kies plej nobla kaj plej karakteriza organo estas ĝuste mem la koro...

Kaj en ĉi tiuj tagoj, kiam gaje tintas arĝentaj sonoriloj, kiel promeso de ĝojo kaj feliĉo, akceptu vi ĉiuj, en la paco de via ideala vivo, la varmajn gratulojn de

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

# POEZIO

## HONORA PAĜO JE MEMORO AL LA FORPASINTA POETO JAUME GRAU CASAS

**Por inde honori la memoron de tiu granda stilisto esperantista, kiu frue pro la morto malaperis el inter ni, jen estas eta sed elektita bukedo da versoj (originalaj kaj tradukitaj el la hispana kaj kataluna lingvoj) kiujn certe niaj legantoj legos kun plezuro. Ekster la meritoj de la originalaj specimenoj, ni speciale atentigas pri la traduka flanko tial ke, en la malfacila arto traduki versojn, plej alte rangis la inspiro kaj la vervo de la delikata kaj subtila trobadoro, kiu ne plu jam vibrigos la kordojn de sia liro**

### MINIATURO

(ORIGINALA)

Bela knabineto
freŝa kiel roz',
viva malkvieto,
movo sen ripoz',

gaja lumradio
de blua ĉiel',
blanka papilio,
helvida juvel',

klara melodio
de dolĉa kanzon',
ama idilio
en flora burĝon',

trunko de lilio
de milda parfum',
bela je linio
koloro kaj lum',

siluet' gracia
de printempa flor',
heleco radia,
ravanta trezor',

ĝojo delikata
ĉarmo de la viv',
revo karesata,
alloga naiv',

ora filigrano,
tril' de najtingal',
bruo de infano,
ĉiel', ideal':

feliĉo vi estus
por maljuna kor'
se ĉiam ĝi restus
apud via glor,:

mia kor', vundita
kun vundo de Am',
ĉiam konsumita
de turmenta flam',

mia kor', maljuna
de tioma sent',
de vivo sensuna
kaj aŭtuna vent'.

### EKZEMPLO PRI LA ECOJ, KIUJN MONO HAVAS

**De Juan Ruiz, ARCIPRESTE DE HITA (... ? - 1375)**

*Fragmenta traduko el la hispana lingvo*

Multon faras la mono, ĝi tre indas je am',
ĝi igas la stultulon ĝuanto de bonfam',
ĝi kurigas eĉ tiun suferantan pro lam',
la monon volas preni eĉ kripulo sen man'.

Iun homon sen scio, kun plej kruda labor',
mono igas nobelo plenkovrita de glor';
kiom pli da riĉeco, tiom pli da valor';
kiu monon ne havas, ne aŭdas: *Jes, Sinjor'*!

Se vi posedos monon, vi vivos sen ĉagren',
kun ĝojo kaj plezuro, kun neniom da ĝen',
aĉetos paradizon, gajnos savon sen pen';
kie multe da mono, tie multe da ben'.

Mi ja vidis en Romo, kie estas sanktec',
ke ĉiuj antaŭ mono restas en humilec',
honoron al ĝi faras per granda solenec',
al ĝi ĉiuj humilas kiel al majestec'.

Mono estas urbestro, juĝisto tre laŭdata,
tre taŭga konsilisto kun subtil' advokata,
agento tre efika kaj tre konsiderata
kaj en ĉiuj metioj tre bonopiniata.

Resume mi parolas, komprenu larĝe vi;
de la mond' agitanto tre granda estas ĝi,
ĉar sinjoro servanton igas ĝia magi';
ĉio monda fariĝas nur pro ĝia pasi'.

### LAŬDO AL LA KISO

(ORIGINALA)

Nenio tiel nobla kaj spirita,
nenio estas tiel flugilhava
kiel kiso de am' varme donita,
kiel kis' ricevita kun ĝoj' prava.

Nenio estas por la kor' pli rava,
nenio por la animo pli incita,
nenio por feliĉ' estas pli grava,
nenio por la vivo pli benita.

Kiso rapide kaj subtile venas
kaj ĝin la lipoj el la lipoj prenas
arde, pasie, kun elkora flamo.

Ĝi de la koro ĝis la buŝ' sin levas,
kaj homo tiam ne plu amon revas:
en kiso estas jam la tuta amo!

### KANZONO

**de Roiç de Corella (1430-1500)**

*Traduko el la kataluna lingvo*

Por mia vund', sola balzam'
estas la blu'
de l' rigard' via, se ĝi jam
ne volas plu
ke mortu mi pro via am'.

Klarigos sin post mia mort'
mia pasi',
kaj ja ne aŭdos vi sen plor'
ke mortis mi
ĉar min ne amis via kor'.

Por mia vund' estus balzam'
nur la influ'
de dolĉ-rigard' diranta jam
ne voli plu
ke mortu mi pro via am'.

**NOVA JARO, NOVA VIVO!** *Jes, tion diras hispana proverbo; sed atentu bone, ke inter viaj novaj devoj, en la sojlo de la nova jaro, estas pagi akurate vian kotizon al la Federacio kaj vian abonon al la Bulteno, lau la nova tarifo, kiun per aparta cirkulero oni jam sciigis al vi. Konsciu, ke nur dependas de vi la sukceso de nia entrepreno!*

## ZARAGOZO DEĴORAS SENLACE

En rememoro al nia kara majstro, D-ro Zamenhof, en lia naskiĝtago, 15, Decembro 1859, la membroj de la Grupo «Frateco» aranĝis la unuan postmilitan festeton, kiun partoprenis malnovaj samideanoj kaj fervoraj komencantoj, ĉiuj pretaj, kun sama entuziasmo, progresigi nian movadon ĝis atingo de la antaŭmilita forto, kiu fiere sin montris al la tuta hispana esperantistaro. Por ni, novuloj, ĉi tiu festo estis io vere agrabla; sed atentu, kiel tio okazis: Jam en la societa hejmo, mi haltis kun miro antaŭ la pordo de la ĉambro-biblioteko; tie, almetita sur la ĉefa muro, pendis la belega fratecana flago, ankoraŭ ĝis hodiaŭ nekonata de mi. Malsupre de la flago estis fotografaĵo de D-ro Zamenhof, kun afabla dediĉo al nia societo. Ili ambaŭ estas por ni sanktaj relikvoj; kaj ni ĉiuj, antaŭ tiaj rememoraĵoj, faris pense solenan promeson batali senlace, por la gloro de Esperanto, ĝis la fina venko.

D-ro F. del Puente bele rakontis pri la vivo kaj verko de Zamenhof; poste, per nia kinmaŝineto, oni projekciis instruan filmon pri la esperantista urbo Budapeŝto, kiun sonorigis la bonhumoraj diraĵoj de la kunvenantoj. Kaj, fine, por fermi la feston, S-ro Martinez legis tre interesan leteron de Zamenhof, en kiu la majstro rakontas sian tutan vivon. Tiamaniere finiĝis nia simpla sed interesa unua festo, kie ni faris promeson oftigi kaj eĉ plibonigi tiajn intimajn kunvenetojn por tiel plifortigi nian landan movadon.

Hispanaj gesamideanoj: varbu novajn batalantojn por povi iri ĉiam antaŭen!

**SALVADOR MORALES (Zaragozo)**

Antaŭ du semajnoj, je la alta aĝo de 95 jaroj, mortis en Zaragozo, kie li loĝis, Pedro Ramón Cajal, frato de mondkonata histologo Santiago Ramón Cajal. Li ankaŭ estis bona kuracisto kaj saĝa homo; sed plej interese por ni, ke li estis fervora adepto de Esperanto kaj unu el la fondintoj de la Grupo «Frateco» en Zaragozo. Antaŭ ne multe, oni faris al li oficialan omaĝon, al kiu aliĝis la Zaragoza esperantistaro kaj la Hispana Federacio. La ekzemplo de tiuj eminentuloj, kiuj venas al niaj vicoj, estu daŭre en nia memoro!

## BONA HUMORO: BONA FARTO!

### MISKOMPRENO

Foje, kuracisto diris al juna sinjorino:

—Via edzo bezonas ripozon kaj trankvilan vivon; tial mi preskribas ĉi tiun medikamenton.

—Kiom da fojoj mi devas doni ĝin al li?

—Pardonu, sinjorino, la medikamento estas por vi mem!

### BONKORECO

Ĉar forpasanto ankoraŭ konsciis, la kuracisto konsolas lin kaj konsilas:

—Pardonu ĉiujn, kiuj malutilis al vi.

Mi pardonas vin, doktoro! respondis en susuro la mortanto.

### FRENEZULEJO

Foje, kelkaj internuloj sukcesis forkuri el frenezulejo. La flegistoj traserĉis la urbon kaj revenis kondukante grupon da dudek individuoj:

La direktoro miris pro la kvanto kaj diris al la flegistestro:

—Ĉu vi scias, ke nur ses forkuris?

Kaj la demandito aplombe respondis:

—Tamen, sinjoro direktoro, ankoraŭ restas multaj en la urbo.

En neniu «deca» frenezulejo mankas iu Napoleono; iam en Imagurba frenezulejo, troviĝis du tiaj «eminentuloj». Kiam ili renkontiĝis, ili baraktis; sekve, la vundoj tiel abundis, ke la direktoro enpostenigis du flegistojn por speciale zorgi pri ili. Tiu situacio estis tro multekosta; tial, la gvidantaro de la frenezulejo decidis forigi la specialajn flegistojn kaj enĉambrigi kune la du malamikajn gastojn, ĉar tiel -kredeble- nur unu postrestos! Nu, pensite tuj farite; oni ŝlosis ilin kune, kun espero al sukcesa rezulto. Post malmulte aŭdiĝis bruego sekvata de tre longa silento. Kiam la timoplenaj flegistoj malfermis la pordon, ili ekvidis idilian paron. La flegistestro demandis kun scivolemo:

—Kiu estas Napoleono? Unu el la du, poze kaj manbruste, respondis:

—Mi estas!

Tiam, la oficisto sin turnis al la alia:

—Nu, kiu do vi estas? Kaj la demandito respondis mildvoĉe:

—Mi estas... Jozefino!

**CIRANO**

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ARGENTINA.—«Vea y Lea», la revista quincenal argentina, publica una sección «En cuatro palabras», desarrollando la idea del idioma universal. En el número 7 de septiembre último, publicó un interesante artículo con un retrato del Doctor Zamenhof, creador del idioma Esperanto, que fué muy bien acogido por los lectores.

● ESTADOS UNIDOS.—La señora Emma C. Lander ha hecho donación de un legado de 15.000 dólares al «Elizabethown College», del estado de Pensylvania, a fin de que se enseñe el Esperanto a los alumnos universitarios.

● AUSTRIA.—El Ministerio de Instrucción ha concedido una subvención de 6.000 shillings al «Internacia Esperanto Muzeo», institución que ocupa cuatro salones de la Biblioteca Nacional en el antiguo castillo imperial «Hofburg», en el centro de Viena.

Por la administración de los ferrocarriles austriacos se ha autorizado al personal en servicio el uso de la estrella esperantista, como distintivo de conocimiento del idioma universal, y ha fomentado la enseñanza del mismo entre dicho personal ferroviario.

● HOLANDA.—El ya internacionalmente conocido propagandista del Esperanto, el periodista egipcio señor Tadros Megalli, está recorriendo este año Holanda en una serie de charlas y conferencias. El año pasado recorrió con la misma finalidad Suecia, Noruega y Dinamarca, con un gran éxito de público y de eficacia.

En la Escuela Superior «Overeinge», en Havelte, se ha celebrado un curso de Esperanto por el método directo para maestros y profesores. Hubo una asistencia de 39 maestros, alumnos del idioma auxiliar, siendo el curso un éxito de la organización holandesa «El Esperanto en la Enseñanza», creada precisamente con esta finalidad.

N. C. R. V. radiará por Radio Hilversum I, en onda de 402 metros un programa en Esperanto el día 15 de Diciembre (día del Doctor Zamenhof) de 18'15 a 18'30, hora española.

● INGLATERRA.—«Common Welth» (12, High street, Hamstead, LONDON N W 3), partido político inglés, ha aprobado adoptar en su programa el siguiente punto: Propaganda a favor de la introducción del Esperanto en todas las escuelas del mundo.

● ISRAEL.—En el centro mismo de Tel-Aviv, capital del estado, se ha rotulado una calle con el nombre del autor del Esperanto, Doctor Zamenhof.

● ITALIA.—Las emisiones en Esperanto de Radio Roma han inaugurado sus conciertos, solicitados por los oyentes, con la obertura de «Tannhaüser». Precisamente, la solicitud fué hecha por el personal de una fábrica de Alicante, quienes escucharon la audición durante las horas de trabajo. Desde el verano de 1.949 al de 1.950, la prensa italiana ha publicado 200 artículos y reportajes diversos sobre el Esperanto.

● MARRUECOS.—En Port Lautey ha tenido lugar un curso de Esperanto entre el personal de la base marítima, con un crecido número de alumnos.

● CIUDAD DEL VATICANO.—Durante el Congreso Esperantista Católico, celebrado en Roma, Su Santidad el Papa saludó a los congresistas en el propio idioma internacional, pronunciando claramente todas sus palabras de salutación en este lenguaje.





**...detalles gráficos de las visitas jubilares realizadas por los asistentes al Congreso Esperantista Católico celebrado ...l verano último en Roma. Entre los asistentes se encuentra el P. José López, miembro de nuestra Federación**

# ESPERANTO TAŬGAS

Hay un problema dentro de la familia esperantista, que muy rara vez es tratado por nuestros periódicos y que, a mi juicio, tiene bastante importancia, especialmente para aquellos samideanos que no han salido al extranjero y no han podido, por ello, comprobar la verdadera utilidad de nuestro idioma.

Cuando se está aprendiendo un idioma, es muy frecuente el temor a hablarlo, si los conocimientos son aun medianos; naturalmente, cuando se trata del estudio del Esperanto sucede lo mismo. Este fenómeno es todavía más característico entre los españoles, y como el que suscribe también lo ha padecido, me parece muy oportuno reseñar mis experiencias que son, más o menos, las mismas para todos y cada uno de nosotros.

El Esperanto tiene una flexibilidad tal, que sea cual fuere el caudal lingüístico que se posea, siempre puede uno hablar y entenderse; pero para ello ha de desecharse la timidez a que antes me he referido. Ya se que esto cuesta un poco de esfuerzo, pero hay que desprenderse de ese complejo de inferioridad. Un simple ejemplo, observado por todos nosotros, servirá para poner de relieve mi aserto. ¿Quien no ha oido hablar un español malísimo a muchos extranjeros de los que visitan nuestro país? Se habrá observado, que lo hacen muy serios y sin tener en cuenta eso que se llama ridículo; téngase en cuenta que quien habla sin miedo, aunque lo haga muy mal, en poco tiempo habrá llegado a una situación pasable, pero quien por temor no atraviesa esa situación, se expone a no llegar nunca.

Cuando un esperantista se enfrenta por primera vez con un samideano extranjero, el asombro va unido a la alegría de ver que la comprensión es completa. Y es desde entonces cuando el convencimiento es completo, sobre cuanto se ha oído y leído acerca del Esperanto. No es lo mismo que oiga hablar y entenderse a dos esperantistas, porque siempre queda la duda de la superioridad o inferioridad, anteriormente citada, y por ello repito que la experiencia ha de ser personalísima.

Nunca se me olvidará la impresión que tuve hace unos años, fuera de España, cuando de improviso (casi empujado) me encontré en el escenario de un teatro y tuve que hablar en Esperanto ante más de 600 personas; las primeras palabras me salieron de milagro pero, al observar que el auditorio me entendía y seguía con interés mis palabras, por ser yo el único español allí presente, me serené al instante y pude hacer durar mi peroración completamente improvisada, unos veinte minutos. Aun ahora me asombro, al recordarlo, pues yo nunca hablé en público ni creo tampoco tener aptitudes de orador. Hay un aspecto que debe tenerse muy en cuenta, y es el hablar el Esperanto con frecuencia, y hablarlo reposadamente; nunca de forma rápida, como acostumbramos los latinos en nuestros respectivos idiomas nacionales. Solo me resta una pequeña recomendación general, dirigida a cuantos explican cursos o dirigen grupos esperantistas: Es el aprovechar la visita de cualquier samideano extranjero para demostrar prácticamente la realidad viva de nuestro querido idioma auxiliar internacional.

*M. RODRIGUEZ (Madrid)*



# BALMES

Jen kataluna famulo pri filozofio, kiu ankaŭ pripensis internacian lingvon; kaj ĝuste iel simile, kiel Zamenhof. Pri aliaj eminentaj katalunoj: Ramón Llull, Sinibald de Mas kaj Bonaventura C. Aribau, jam estas dirite ke ili laboris por solvo al la babela problemo, kiel tion faris famuloj el aliaj landoj. Sed, laŭ mia scio aŭ memoro, neniu elstarigis ke la eminenta filozofo Balmes, naskiĝinta kaj mortinta en Vich (elp. Vik), 1810-1848, eldiris konceptojn pri internacia lingvo.

Efektive, en sia libro «Filosofía Elemental» Balmes rimarkigas kiel estu internacia lingvo: «Asociigo de la fundamenta ideo, kun la radiko de vortoj, estas forta helpo de memorado, ĉar tiel la ideo havas nur unu esprimeron, kaj por la varioj sufiĉas kono pri la vortaj modifoj. La elemento **am'** memorigas ideon pri **amo**, kaj la pluraj finiĝoj esprimas la variojn. Se ĉiu vario esprimiĝus per tute diferenca vorto sen rilato al komuna radiko, estus tre malfacile memori ĉiun; kaj, ĉar por ĉiu ideo okazus same, estus preskaŭ neeble lerni eĉ nur unu lingvon. Esprimante per radiko ĉiun fundamentan ideon, per finiĝoj esprimiĝus la modifoj; sed ankaŭ ĉi tiuj ja estus tre malfacile memoreblaj, se ili ne prezentus similon, kiam ili esprimas analogajn modifojn; jen kial ekzistas tiom da identaj finiĝoj, ke oni povas ilin klasigi».

Kaj post rimarkigo, ke **-ment** aŭ **-mente** estas adverba finiĝo por multaj radikoj, Balmes konkludas: «lingvo, kiu havus plejan reguleco ĉe radikoj kaj finiĝoj, estus plej facile lernebla».

Amikoj Azor kaj Régulo Perez, ĉu koncepta katalunismo aŭ hispanismo de Balmes en Esperanto? Ĉu Balmes antaŭvidis Esperanton? Ĉu Esperanto naskiĝis en Vik aŭ en Bjalistok? Kial Vikanoj kaj Bjalistokanoj ne komencas diskuton pri la naskurbo de Esperanta koncepto? Ĉu nur pro tio, ke ne estas eble nun rekta komuniko inter ambaŭ urbetoj?

**DELFI DALMAU (Barcelono)**

**MUY IMPORTANTE:** *Es de suponer que todos los afiliados habrán recibido la circular con la candidatura, para los cargos vacantes, y el cuestionario acerca del Boletín. Debido al evidente retraso en que se han mandado, se amplía el plazo para la recepción de las papeletas, siendo valederas todas las que se reciban hasta el 15 de Enero. Esperamos que ningún socio deje de ejercer este derecho, así como efectuar el pago total o parcial de su cuota, según las nuevas tarifas, para que siga en aumento la marcha ascendente de nuestra Federación, junto con un mejoramiento constante en la presentación y contenido del Boletín. Los que estamos a su cargo solo prometemos superar las esperanzas de los que en nosotros depositen su confianza*

# ☆ LA LERNEJO

## CONSULTORIO LINGÜISTICO

A VARIOS.—El apóstrofo sirve para indicar que se ha suprimido la vocal correspondiente al sitio que ocupa, enlazándose entonces la consonante que queda con la vocal que le siga o le preceda. En Esperanto solo puede suprimirse la A del artículo y la O del substantivo, pero siempre que este substantivo vaya en singular y no esté en acusativo; por ejemplo: en vez de decir **La floro de la amiko**, puede escribirse así: **La flor' de l' amik'**, pronunciándose entonces naturalmente sin las vocales que se han suprimido, teniendo exactamente el mismo sentido que si las conservaran. El uso del apóstrofo, siempre correcto dentro de las reglas antedichas, ha quedado casi limitado sin embargo a la poesía, por la ventaja que representa para la rima y la métrica el reducir a voluntad tantas sílabas como vocales se apostrofen. En la página poética del presente número pueden apreciarse muy variadas formas de solucionar el caso que a Vds. les interesa y que yo les aclaro. Esperando que así haya sido les saludo afectuosamente.

**JUAN BOSCH**

## PARA NUESTRO BOLETIN

### 11.ª lista de donativos (Diciembre 1950)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1 173 | Ptas. |
| Amalia Núñez (Pamplona) | 10 | » |
| José López (Cullera) | 10 | » |
| Esperanto-Grupo de Sabadell | 25 | » |
| Jaime Juan Forné (Valencia) | 25 | » |
| Juan Régulo (La Laguna) | 10 | » |
| Félix Buisán (Palencia) | 4 | » |
| Antonio Pastor (Bilbao) | 25 | » |
| Pura Tamarit (Cheste) | 10 | » |
| Joaquín Bedía (Santander) | 110 | » |
| Eduardo Larrouy (Bilbao) | 10 | » |
| Familia Gómez (Barcelona) | 7 | » |
| José Cuadras (Barcelona) | 10 | » |
| Total general | 1.429 | » |

**Gracias a los buenos amigos que han contribuido con sus aportaciones voluntarias, durante el transcurso del año, se ha conseguido un valioso refuerzo económico sin el cual no se hubieran podido publicar las páginas extraordinarias. Sea pues para ellos nuestro reconocimiento en este cierre del balance.**

## AVISO A LOS RADIOESCUCHAS

**En nuestro número anterior se deslizó un error sobre el horario de la emisiones esperantistas de Radio Roma. La hora de estas emisiones es de las 5 a las 5'20 (hora oficial española) en vez de las 6 a las 6'20 como erróneamente se decía. Tomen buena nota de esto los radioescuchas esperantistas de toda España.**



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatas al nia afero. [illegible] vorto. Apartaj tarifoj por specialaj anoncoj.**



Al ĉiuj, ĉu aŭ ne konataj, Esperantistoj

**NI DEZIRAS PROSPERAN NOVJARON!**

**I. Schoon kaj Alida Schoon Van Campen**

**OOIEVAARSTRAAT, [illegible]**

**HAARLEM N (Nederlando)**



## HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 15 | ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 40 | » | » |
| Socio protector... ... | 75 | » | » |

**Las dos últimas categorías tienen derecho al Boletín**
**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**

Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444